# POLA ESPERANTISTO

XXVIII JARO | OKTOBRO 1934 | 10 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTO / WYDAWCA POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO.

REDAKTANTOJ / REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI GIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.


# Nia dudeksesa en Stokholmo

**(Daŭrigo).**

Ni estas afable akceptataj de reprezentanto de la Kongresa Komitato, kiu tuj esprimas sian vivan bedaŭron pro manko de akcepto ĉe la haveno kaj senprokraste enkondukas nin en la salonegon, kie la malferma ceremonio jam estas delonge komencita.

La lokoj estas preskaŭ ĉiuj okupitaj. Oni tamen penas pri ni kaj afablege sidigas kelkajn el ni inter la publiko, aliajn sur la podio inter la eminentularo. Estis por ni unua pruvo de la komplezemo de la svedoj, kiun ni poste havis ankoraŭ okazon multfoje sperti.

Kiam ni alvenis, finiĝadis jam vico de oficialaj parolantoj. Parolis do oficialaj delegitoj de registaroj kaj aŭtoritatoj. Tiun vicon finis la salutparolado de reprezentanto de la urbestraro de Bialystok, Zamenhofa naskurbo.

Sekvas la kutimaj salutparoladoj de reprezentantoj de la landaj Esperanto-organizaĵoj. Tre impona manifestacio: ĉiu salutas en sia nacia lingvo kaj en nia lingvo internacia. Tiu parto de la solenaĵo pleje impresas ne nur la multegajn neesperantistajn ĉeestantojn, sed eĉ malnovajn Esperantistojn, multfoje jam aŭdintajn tiujn salutojn dum la universalaj Esperanto-kongresoj. Ĉiufoje tamen la Esperantistoj travivas momenton de neesprimebla korĝojo, ĉar nur ili estas tiuj feliĉuloj, kiuj efektivigas ĉiujare la eternan sonĝon de la homaro pri forigo de la malbeno de diverslingveco kaj pri paca kunlaborado de ĉiuj homoj.

Eĉ la ĵus bakita nova „gvidanto" de germanaj Esperantistoj s-ro Walther, kies tasko estas „egaligi" la germanajn samideanojn kaj perforte ilin malegaligi de iliaj Esperantistoj, estis videble tuŝita kaj tial li salutis la kongreson tute dece, kiel vera Esperantisto. Li eĉ forgesis saluti laŭordone per levita mano. Esperinde, li nun pli profunde komprenos, kial la germanaj samideanoj deziras resti fidelaj al la nobla celado de nia movado. Eble li ankaŭ komprenos, ke ekzistas movadoj eternaj, senmortaj, kiujn jam nenia forto en la mondo povos detrui, sed ke ankaŭ ekzistas aliaj movadoj, kiuj povas „konvinkigi" per sango kaj glavo, sed kiuj neniel kapablos daŭre enradikiĝi kaj post kies forpaso restas nur sento de honto ĉe homoj, iom tro fervorintaj dum la transira tempo.

Nunjare tamen la kongresa komitato preparis por la Esperantistaro ankoraŭ

unu, vere neatenditan grandan emocion.

Kiam la naciaj delegitoj, unu post la alia, alpaŝadis al la tribuno por diri sian saluton, subite prenis la parolon iu, kiu ne aperis antaŭ la kongresanaro sur la tribuno. Super la kapoj de la eminentularo, sidanta sur la podio, eksonis la tiom bonkonata, plena kaj agrabla voĉo: „Parolas Lausanne. Tie ĉi D-ro Privat". La mirinda eltrovaĵo de radio ebligis al nia fama orbuŝa paroladisto Dro Privat saluti la Kongreson en Stokholmo, kvankam li troviĝis tiumomente en Ĝenevo. Li faris sian paroladon antaŭ la simpla telefona tubo en Ĝenevo. Tiun paroladon akceptis la mikrofono en la radiostacio de Lausanne kaj de tie disaŭdigis al kongresanaro kaj al la tuta mondo. La impreso estis vere eksterordinare forta.

Gin pligrandigis ankoraŭ la sento de ĝojo, ke jen post 6-jara silento denove ekparolis la elokventa Privat. Depost la XX-a en Antverpeno, kiam li faris sian lastan cignan kanton, mankis al ni ĉiuj la kutimaj kongresaj paroladoj de Dro Privat, kiuj tiom varmigis la koron kaj instigadis nin al plua laborado por la noblaj ideoj de la neforgesebla Majstro.

Jen estas la parolado de Privat por Stokholma kongreso, kiu vere elvokis larmon en okuloj de multaj gekongresanoj:

## PAROLADO DE DRO EDM. PRIVAT.

„Karaj kongresanoj!

Kun vi per la sento kaj momente ankaŭ per la voĉo mi plej kore salutas vin ĉiujn en Ĝenevo, la sidejo de l' Universala Esperanto - Asocio.

Samtempe mi salutas tiun neforgeseblan Svedujon, kiu vin gastigas hodiaŭ, kaj la reĝinon de la nordaj urboj: Stokholmo la belegan.

Nenie pli taŭge vi povus ja kunveni ol en tiu mirinda ĉefurbo de libera popolo, kiu fiere klopodas plialtigi kaj pliprofundigi sian spiritan edukon, dum ĝi progresigas la materian teknikon. Ĝuste tiuj atingas la plej altan gradon de civilizo, kiuj scias konservi tian ekvilibron kaj ne permesi, ke la homaj eltrovaĵoj formanĝu la homon mem, sed male, ke ili submetiĝu kaj nur servu al lia feliĉo.

Kiu konas ne nur la svedan industrion en la grandaj fabrikoj, sed ankaŭ la svedajn hejmojn kun la bluokulaj patrinoj, teksantaj la doman ŝtofon apud la blonda bubo en lulilo, tiu sentas ke ilia nacio ja ŝatas la komforton de moderna civilizo kaj la oportunaĵojn de materia tekniko, sed ke ĝi ne vendus pro tio sian animon kaj scius ankaŭ sen tio savi kaj daŭrigi sian intiman feliĉon.

Facile estas vidi, kiom la svedoj respektas la homan dignecon sub ĉiuj laborvestoj kaj kiel ili konstante klopodas plibonigi sian ekonomian organizon por faciligi la vivon al ĉiuj familioj, ne nur per la kooperativa fruktokorbo de la dommastrino, sed ankaŭ per la instruaj volumoj de la popola librejo kaj per la kajeroj de la vesperkursoj.

Inter la fremdaj lingvoj, instruataj en tiuj kursoj, Esperanto jam de kelkaj jaroj atingis tre gravan lokon, eĉ ofte la unuan pro ĝia rilate granda facileco kaj reguleco. Per ĝi multaj svedoj lernis ekkoni iom de niaj diversaj kulturoj kaj rapide komprenis ĝuste tion, kio karakterizas la rolon de internacia helpa lingvo.

La grandaj nacilingvoj allogas la eksterulojn pro neceso profesia aŭ pro deziro ekkoni tiujn potencajn kulturojn, kiujn ili reprezentas. Sed kiel ekscii ankaŭ ion pri tiaj multaj nacioj, kies lingvo ne estas eksterlande tiom konata kaj lernata? Oni kutimas ilin nomi malgrandaj, sed iuj el ili estas tre grandaj, ekz. la ĉina aŭ pola, kaj ili kune formas la plimulton de la homaro.

Svedujo estas ekzemplo de tre alta kulturo, kiun la homaro ne povus ignori sen grava perdo valora por la komuna tuto. Necesa kordo por la kanto de la harpo! Nu, Esperanto ĝis nun tute nature kaj ĉiam pli videble servas kiel perilo kaj konigilo de tiaj kulturoj kaj trovis en ĉiuj tiaj nacioj kreskantan nombron de adeptoj. Floras ĉe la esperantistaro antologioj kataluna, estona, flandra, pola, hungara, belga, kroata kaj bonegaj tradukaĵoj el finna, litova, bulgara, japana aŭ ĉeĥa lingvoj.

Estis ĉiam specialaĵo de niaj universalaj kongresoj prezenti, ne nur impresan ekzemplon de internacia kunveno kun lingva unueco kaj egaleco, sed ankaŭ scivoleman pilgrimadon en la folkloron de tiu aŭ alia nacio, konservinta sian ĉarman tradicion kaj koloron en propraj kutimoj, en popolarto, en popolkantoj kaj vilaĝaj kostumoj.

**(Daŭrigota).**

J. Ŝapiro.

EDVARDO WIESENFELD, L. K. Varsovio.

# CHALLENGE 1934.

## REA TRIUMFO DE LA POLA CIVILIZACIO.

La venko, akirita en la nunjara „Challenge'o" devigas la polan aviadistaron al ankoraŭ pli intensa laboro.

Ni ne rajtas malŝpari tion, kio jam estas akirita. Ni devas kuniĝi ĉiuj sub la devizo „venki en Challenge 1934".

9. IX. 32. Fr. ŻWIRKO.

—0—

Tra la mondo iras forta voko: La Poloj brilege triumfis dum la internacia fluga konkurso s. t. „Challenge de Tourisme International 1934". La du unuaj venkintoj estas du Poloj: Bajan kaj Płonczyński. La duan fojon la nomo de Polujo eliras venke dum internacia batalo de plej altaj civilizacioj...

Malfacile estas trankvile, sen entuziasmo elparoladi tiajn vortojn. Polujo, kiu dum tiom longa epoko ne havis la eblon por plenkondiĉe ekzisti, kiu ne havis la eblon disvolviĝi tiel, kiel ĉiuj aliaj nacioj, tiu sama Polujo, post ricevo de l' libereco kaj ebleco disvolviĝi dum nur 16 jaroj sukcesis ne nur egaliĝi al potenculoj de l' geografia karto, ne nur egaliĝi kun suverenlandoj, kiuj trankvile kaj bonkondiĉe zorgadis pri sia evoluo, sed... Polujo ilin superis. J e n m o d e l o d e n o b l a b a t a l a d o! Jen rivalizado por civilizacia venko!

Du jarojn sinsekve venkis la pola laboremo kaj persistemo. En 1932 kovris per gloro la nomon de Polujo la tiama, venkinto de Challenge Fr. Żwirko (pereinta kelkajn semajnojn poste dum flug-akcidento en Ĉeĥoslovakujo). La mondo tiam malfermis la okulojn, ke jen inter la titanaj regantoj de la aero rajtas ankaŭ Polujo troviĝi. Jes! Ankaŭ Saulo — inter profetoj, ankaŭ Polujo — inter potencoj.

Kaj kvazaŭ por pruvi, ke tiu fakto ne estis hazardo, sed plena merito de la pola persistemo kaj atingo de alta nivelo, en nuna jaro ankaŭ disportiĝis tra la tuta mondo, malpacience atendinta ĉe siaj radjoaparatoj: „Hura! La unuan venkon gajnis Polujo!" Kaj por ke la ĝojo estu kompleta, post kelkaj minutoj sekvis nova informo: Hura! Ankaŭ la duan premion gajnis Polujo". Tiom da feliĉoj dum unu tago!...

Bajan (kia belega nomo!) kaj Płonczyński — jen du plej popularaj nuntempe nomoj en Polujo. Revoj de la pola knabo Fieroj de la pola civilizacio. Gloraj filoj de sia patrujo. Veraj kulturaj heroojl (Challenge ne celas ja la disvolvon de la militista aerflugado nur de la t u r i s t a)

— — — — — — — —

Kio estas Challenge? Kion signifas tiu stranga vorto? Kaj kia estas ĝia ĝisnuna historio?

Challenge — vorto angla, tamen, ĉar ĝin iniciatis Francujo kaj, ĉar en tiu internacia entrepreno estas uzata kiel oficiala lingvo la franca (kial ne Esperanto?), estas elparolata france — komenciĝis en Francujo en 1928 kiel internacia vetflugado sub la nomo: Challenge de Tourisme International. Kompreneble la kondiĉoj por la partoprenantoj grandege diferenciĝadis de la nuntempaj kaj per la teknikaj postuloj kaj per distanco kaj per rapideco. Sufiĉu, se mi diros, ke la distanco en 1928 estis 2.000 km. dum la nunjara estis 9.500 km., la pilotoj pasis tra 12 landoj, devis alteriĝi 27 fojojn kaj krom tio preterflugi ankoraŭ 8 kontrolpunktojn.

Kuraĝigita per la sukceso de la vetflugo en 1928 la Aero-Club de France decidis aranĝadi konstantajn vetflugojn sub la nomo „Challenge de Tourisme International" kaj sub la aŭspicioj de la Internacia Aerfluga Federacio (FAI) prilaboris regularon kaj kondiĉojn de premiado. La ĉefa premio estas 100.000 fr fr. kaj krom tio — pokalo transira. Se iu Aeroklubo (gajnas ne la persono, sed tiu aerklubo, kiun li reprezentas) gajnas la pokalon trifoje sinsekve (la turniro okazadas ĉiudujare) la pokalo restas porĉiama proprajo de tiu Aerklubo. (Atentu, ke Polujo jam havas du sinsekvajn venkojn... Aliflanke ni devas aldoni, ke ankaŭ Germanujo jam havis siatempe du sinsekvajn venkojn).

Baldaŭ la Challenge'on partoprenis Anglujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo. Hispanujo. Italujo, Polujo, Rumanujo kaj Svisujo. Nuntempe do la turniro prezentas entreprenon de vere internacia karaktero kaj partoprenas en ĝi la asoj de la tutmonda flugistaro. Tiom pli estas nia ĝojo, ke en tiu malfacila tasko, havante antaŭ si tiom famajn flu-

gistojn, kiel la italaj (fiero de Mussolini), tiom perfektajn maŝinojn, kiel la germanaj (kun kia envio la polaj aviadistoj pristudadis la germanajn aparatojn antaŭ la komenco de la konkurso. La plej lasta vorto de l' tekniko!) aŭ ekz. tiom senlacajn Ĉeĥojn; tamen, malgraŭ ĉiuj ĉi malfacilajoj, la polaj aviadistoj eliris venke el tiu neegalŝanca batalo. La koro kreskas pro ĝojo!

La konkurso okazas ĉiudujare en ties lando, kies Aeroklubo gajnas dum la lasta fojo la unuan premion (alivorte: en tiu lando, kie aktuale troviĝas la pokalo). Ĉar en 1932 la unuan premion gajnis Żwirko do la nunan jaron rajtis aranĝi la Challenge'on Polujo. Vere grandega honoro, sed ankaŭ ne malplia elspezo. Laŭdire la Challenge'o kostis preskaŭ 10,000.000 zł., kiun nur duone kovras la internacia komitato. Sekve ankoraŭ 5,000.000 devis kovri la Poloj. Por la nuna, kriza tempo sumo ne malŝatebla. Tamen, se akcepti en konsideron la gloron (ja nur venkinte, oni rajtas aranĝi venontan konkurson), kiel ankaŭ la grandegan utilon kiun tia internaci-skala entrepreno alportas per tio, ke ĝi estas instigilo po pli intensa disvolvo de siaj ekspluateblaj fortoj kaj energioj, ni devas konfesi, ke eĉ tiel forta elspezo ne devas iun ajn detcni. Kaj mi dubas, ĉu troviĝas ie en la mondo, eĉ inter plej grandaj kaj kritikemaj malkontentuloj, iu, kiu malaprobus tiun entreprenon. Tiun noblegan interbatalon.

La Challenge'oj en 1930 kaj 1932 sekve de la venkoj de Fritz Morzik (dufoje sinsekve. Germanoj, fieru!) estis aranĝitaj de la Aero-Club von Deutschland.

La Challenge'on en 1934 aranĝis la Aeroklub Rzeczypospolitej Polskiej.

Tiun en 1936 aranĝos ankaŭ Aeroklub Rzeczypospolitej Polskiej.

Kaj ni ne perdu la esperon, ke ankaŭ en 1938 aranĝos Varsovio.

— — — — — — — — — —

Por la nunjara Challenge'o aliĝis kaj preparis sin batali la jenaj landoj: Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Italujo kaj Polujo. En la lasta momento retiriĝis Aŭstrujo kaj Francujo. El Anglujo alflugis piloto, sed li flugis en la konkurso sub koloroj de Polujo. Gentleman-piloto estis la vok-nomo de Mr. Macpherson, kiu bonege sin tenis ĝis la lasta tago de l' konkurso. KomprenebIe, ĝis la fino de la konkurso ne restis tiom, kiom ĉe la komenco. Tie ĉi speciale meritas mencion la ĉeĥa pilotaro: sama nombro komencis kaj sama nombro finis, nek unu eksiĝis i tertempe.

La germanaj maŝinoj (vera perfekteco!) estis pentritaj je verda koloro kaj portis la n-rojn 11—26. Novaĵo, turninta ĉies atentojn, estis la tri-brakaj helicoj en kelkaj germanaj maŝinoj.

La ĉeĥoslovakaj — je arĝenta Ekipitaj unuarange. N-roj 51—54.

La italaj alvenis malfruiĝe (kio kostis al la Reale Aeroclub d' Italia 20.000 fr. fr. kiel punpagon) per 5 belegaj ruĝaj aeroplanoj. N-ro 41—46.

La polaj aviadiloj estis blankruĝaj. N-roj 61—65 kaj 71—76.

Tia olimpiado de sporta aerflugado estas kontrolilo de l' teknika kaj organiza nivelo de la partoprenantaj aerokluboj.

Por pritaksi la meritojn de ĉiu partoprenanto estas ekceptataj en konsideron la jenaj kvalitoj: 1) la teknikaj kvalitoj (minimuma rapideco, de- kaj alteriĝo dis- kaj kunmetado de l' aparato, dismoviĝo de l'motoro, eluz-kvanto de brulmaterialo k. al), 2) ĉirkaŭflugo (kun halto en jenaj 27 urboj: Königsberg, Berlino, Kolonjo, Bruselo, Parizo, Bordeaux, Pau, Madrido, Sevillo, Casablanca, Meknes, Sidi-Bel-Abbes, Alĝer, Biskra, Tunis, Palermo, Napoli, Romo, Rimini, Zagreb, Vieno, Brno, Praha, Katowice, Lvovo, Wilno, Varsovio; entute 9527 kilometrojn), 3) maksimuma rapideco.

La nunjarai premiitoj gajnis:

I premio (BAJAN) por. tekn. kval. 994 punkt. por ĉirkaŭflugo — 861 p., por maksim. rapid. 41 p. kune 1896 p.

II (Płonczyński) 953 + 868 + 45 = 1866 p.

III (Seidemann — Germanujo) 939 + 874 + 33 = 1846 p.

Tiel do la unuaj du premioj estis aljuĝitaj al la pola aeroklubo.

— — — — — — — — — —

La solena malfermo de la Challenge'o okazis kun plej granda pompo. En la ĉeesto de l' plej alta Gasto, la Prezidanto de la Pola Respubliko kun Lia Edzino deklaris la Challenge'on 1934 malfermita la ministro de trafiko s-ro Budkiewicz. La orkestro ludis la polan nacian himnon. Poste sekvis la naciaj himnoj de ĉiuj nunjare partoprenantaj aerokluboj. Nun la Prezidanto malsupreniras el sia loĝio kaj faras revuon de ĉiuj maŝinoj (kiuj staras vice kaj plenorde sur la flug-kampo), premas la manojn de ĉiuj aviadistoj, mekanikistoj kaj pasaĝeroj, kio kune daŭras su-

fiĉe longe (la vico ne estas malgranda) kaj revenas al sia loĝio. Inter la publiko estas rimarkeblaj plej altrangaj diplomatoj, konsuloj, ambasadoroj, generaloj kaj aliaj altpoziciaj dignuloj. Ankaŭ la famaj fratoj Adamowicz, kiuj antaŭ nelonge transflugis la oceanon, ekinteresiĝis pri tiu flug-okazintaĵo kaj venis sur la Mokotovan kampon.

Belegaj akrobataĵoj de plej lertaj polaj aviadistoj elvokis veran entuziasmon eĉ ĉe plej skeptikaj rigardantoj. Bedaŭrinde ne pasis la tuta ceremonio sen akcidenteto: la serĝento Dłuto jam preskaŭ tuŝante la teron ne haltigis la aparaton. Kvankam ne tragedio, tamen katastrofo. La Prezidanto forlasis la flug-kampon, donante per tio kvazaŭ aludon, ke la ceremonio estas finita.

El buŝo de Anglo, ĉeestinto, mi aŭdis: bona antaŭsigno, akcidento sen morto, — la turniro bone sukcesos.

La turniro efektive sukcesis. Tiom multe da sukces-punktoj ankoraŭ neniu turniro atingis.

Ke dum tiu internacia turniro plej brile distingiĝis Poloj, tio estas tute alia — beninda — afero. Tio estas pruvo, ke la pola genio ne estas malpli granda ol ĉe la nacioj, kiuj bonkondiĉe disvolviĝadis. Tio estas pruvo, ke al Polujo decas loko inter la suverenaj potencoj de Eŭropo. Tio estas pruvo, ke...

**POLUJ' ANKORAŬ NE PEREIS.**

Varsovio, septembro 1934.

# MARJA CURIE-SKŁODOWSKA.

En julio k. j. kruela sciiĝo pri la morto de la fama Polino Marja Curie - Skłodowska funebre kortuŝis ne nur Polujon, ne nur la tutan sciencan mondon, sed ankaŭ multajn milojn da homoj, al kiuj glorplena eltrovo de nia samlandanino donis eblecon de resaniĝo.

Antaŭ kelkaj jaroj ia populara eksterlanda enketo je la demando: „Kiu estas la plej fama el ĉiuj virinoj en la mondo" donis unuaniman respondon, ke tiun nomon meritas: Marja Curie - Skłodowska.

Kaj vere — la nomo de la fama Polino kuniĝita kun la franca nomo de ŝia edzo, Pierre Curie inda kamarado de l' vivo kaj laboro, konata estas ĉie, kien sukcesis proksimiĝi la scienco kaj kulturo.

Ne similas tiu gloro al radiplenaj fajraĵoj, per kiuj brile ensorĉigas la mondon la reĝinoj de l' ekrano aŭ de beleco. Ŝia gloro estas forta, bazita sur granita fundamento, fordita de ŝi mem dank' al penado de ŝia tuta vivo sur la vojo de l' homaro al Vero kaj Bono — fundamento, kiun konstrui ĝis nun sukcesis nur malmulte da niaj nacianoj — virino ankoraŭ neniam.

Ŝi fariĝis fama ne nur tial, ĉar ŝia laboro en la regionoj de la scienco glorigis ŝin por ĉiam, sed ankaŭ tial, ĉar ŝia nomo estas por ĉiuj virinoj Simbolo - pruvo, ke ankaŭ la virino povas samain sukcesojn akiri sur tereno de la scienco, ke ŝi povas esti inda kamaradino kaj helpantino de sia edzo, kaj ke ŝia laboro povas esti sukcesplena ankaŭ en la universitata laboratorio.

Marja Curie - Skłodowska naskiĝis en la jaro 1867, kiel filino de la profesoro de la matematiko kaj direktorino de unu el varsoviaj lernejoj. Jam de sia juneco ŝi sopiris je studado de la sciencoj ekzaktaj kaj kiam fine post longaj klopodoj, ne sukcesinte iĝi asistantino de prof. Witkowski en Kraków, ŝi veturis al Parizo kaj dank' al multjara laboro kun sia edzo, modesta laboratoriestro en la Lernejo de Industriaj Fiziko kaj Ĥemio en Parizo, eltrovis en la jaro 1898 sandonan radiumon.

Vivante preskaŭ en mizero, la plej grandan ĝojon ili ambaŭ trovis en malgranda dometo en la korto de la pariza fiziklernejo, tre malkomforta laboratorio, kiun lumigis nur du por ambaŭ scienculoj gravaj radioj: radioj, kiuj eliĝis el retortoj kaj provtubetoj de la radiumo kaj radioj de la forta amo, kunigantaj ĝis la tombo ambaŭ al komuna ideo sindonemajn spiritojn.

En tiu mizera dometo loĝis feliĉo vere pli granda ol en plej riĉaj palacoj.

Post kiam kruela sortobato en la j. 1906 forprenis de ŝi neatendite la amatan vivkamaradon, ŝi ne dronigis sian genion en larmoj, kontraŭe, ŝi decidis fini la grandan taskon, kiun ili ambaŭ komencis. Instruplena kunlaboro de Pierre Curie ebligis ja al ŝi la atingon de tiom grava rezulto de iliaj esploroj, sed la efektiva iniciativo, la eltrovo de la ekzisto de du novaj elementoj — de la poloniumo (ŝi elektis tiun nomon, por dokumenti sian apartenecon al Polujo) kaj de la radiumo estis ĉefa verko de Marja Curie - Skłodowska.

Premiitino de Nobel kune kun sia edzo dank' al iliaj eltrovoj sur kampo de fiziko, la duan fojon ŝi mem sukcesis akiri la saman premion dank' al sciencaj eltrovoj en la regiono de la ĥemio.

La tuta mondo aprobis nian samlandaninon kiel ĝenian scienculinon kaj honoris ŝin per brilaj, sciencaj konstruaĵoj. En Parizo oni kreis por ŝi en la j. 1913 la Instituton de Radiumo, kies direktorino ŝi estis, kaj simile en Londono, nomatan laŭ ŝia nomo.

Akademio de la medicinaj sciencoj oferis al Marja Curie - Skłodowska, jam profesorino ĉe la Scienca Fakultato en Sorbonne la honoron de sia ano, kaj la usonaj virinoj donacis al ŝi 120.000 dolarojn por pluaj esploroj kaj aĉeto de unu gramo da radiumo kiun ŝi en la jaro 1930 oferis al la novfondita Radium-instituto en Varŝavo.

Unu el ŝiaj du filinoj Irena Joliot - Curie ankaŭ laboras laŭ la ideo de sia genia patrino kaj jam multe sukcesis sur la sama scienca regiono, malkovrinte lastatempe novajn vojojn por radiumaĵoj.

La tuta mondo bedaŭras kaj priploras la morton de nia fama samlandanino, menciante, ke mortis nun virino, kiu dank' al sia genio sukcesis akiri la plej altajn suprojn de la monda gloro.

Eltrovinte radiumon, ŝi fariĝis la plej granda bonfarantino de la homaro en la batalo kun kancero, ĝis nun nevenkebla malamiko de la homoj, kaj dank' al ŝiaj meritoj la polvoj de Marja Curie - Skłodowska estos transportitaj Panteonon, al la tombo de Senmortuloj, kie la restaĵoj de la fama virino, la unua en la historio de la mondo, trovos eternan pacon.

**N. Bertiżanka.**

## *La nova kleriga sistemo en Polujo.*

Sendube, la klereco de l' popolo estas fundamento, kiu puŝas antaŭen la progreson en ĉiuj landoj.

En multaj pasintaj epokoj certa speco de ŝtat - registaroj estis interesata pri la malklereco de siaj popoloj. En tiuj epokoj, kiam la devizo de la regantoj estos „L' état c' est moi", aŭ „ĉio por la popolo, sed nenio per la popolo" — la klereco de l' popolo povus malhelpi la realigon de tiaj rego - programoj. Sed la nuna epoko baziĝas je absolute kontraŭaj principoj: la registaroj konscias, ke la bonon por la lando oni sukcesos akiri, nur kiam la tuta popolo kompreninte, ke la registaro celas ĝian bonstaton, helpos per ĉiuj fortoj en la realigo de la registaro - programoj. Kaj por veki tian konsciencon ĉe la popolo, oni devas tiun popolon instrui pri la taskoj kaj celoj de la registaro. Kompreneble, tion apliki kapablas popolo klera ne analfabeta.

Tial, unu el la ĉefaj zorgoj de la nuntempaj registaroj estas ankaŭ la klerigo de la popolo.

Antaŭ 15 jaroj heredis la Pola Popolo de siaj subigintoj tri diversajn lernejo - sistemojn kaj... grandegan parton de l' popolo analfabetan.

Tiun staton oni komencis radikale forigi. Jam en februaro de la jaro 1919, duonjaron post la akiro de sendependeco, per dekreto estis enkondukita deviga instruado en popola lernejo 7-klasa. Estis fondita reto de popolaj lernejoj tra la tuta lando, kaj samtempe aperis multaj gimnazioj ĝeneralklerigaj. La kleriga sistemo, kiu iel formiĝis estis bazita je 7-klasa popollernejo, 8-klasa gimnazio, kaj fine — universitato. Tiu sistemo havis multajn nekompletaĵojn: la 7-klasa popollernejo pli malpli respondis al la tri unuaj gimnaziaj klasoj, kiuj samtempe funkciis, enkondukante ian malutilan dualismon, — liniojn aristokratan (multepaga gimnazio, akirebla nur por riĉuloj) kaj demokratan (popollernejo).

Infano, kiu post fino de la popollernejo venis en la gimnazion, estis rigardata de la gimnazianoj kiel pario.

Krome, en tiu provizora klerigo - sistemo oni rezervis tre malmultan lokon, aŭ eĉ tute neglektis la fakan metiolernejon, kiu ja nepre postulas atenton. Ankaŭ la programoj de la lernejoj estis plej ofte tre abstraktaj, ne praktikaj, kaj tial ne respondantaj al la vivo - bezonoj.

Radikalan ŝanĝon enkondukis la leĝoj aprobitaj de la parlamento la 11 de marto 1932 (pri la elementaj kaj mez-lernejoj) kaj la 15 de marto 1933 (pri la superaj lernejoj).

Tiuj leĝoj enkondukas la jenan lernejo-sistemon:

a) 6-jara, deviga popollernejo,
b) 4-jara gimnazio
c) 2-jara liceo
kaj d) supera lernejo, universitato.

Inter tiuj 4 lern-etapoj enplektiĝas diversfakaj metiaj lernejoj. Post fino de la popollernejo oni tuj povas eniri la mezgradan metio-lernejon. Same oni povas ekstudi en metio-lernejo de pli alta grado post fino de 4-jara gimnazio: aŭ, ankaŭ post fino de 2-jara liceo, oni povas eniri en fakan metiolernejon de supera grado.

La gimnazio, same kiel la liceo estas lernejoj mezgradaj ĝeneralklerigaj. La liceo estas krom tio dividita laŭ diversaj fakultatoj, tiel, ke la lernanto, enirante la liceon, jam devas por si elekti fakultaton, kiun li kontinuos ĉe la universitato.

Kompreneble, ke tiu du-jara prepara studo en la liceo multe faciligos al la studento ĉe la universitato.

Por tiu kadro de la nova lernejo-sistemo la kleriga ministerio preparis konforman instruo - programon, kiu anstataŭ abstraktaj kaj ne praktikaj scioj donos al la lernanto sciojn, kiujn li povos utiligi praktike en sia posta vivo.

La realigo de la nova lerneja sistemo kun la nova instru-programo daŭros 6 jarojn. La pasinta lerno-jaro realigis unu jaron de la klerigo-etapo, la rezultoj, atingitaj en tiu 1/6 de la efektivigita programo estas bonegaj kaj atestas pri la valoro de la nova kleriga sistemo kun la nova instru-programo en Polujo.

**Henryk Gielb.**

## *INTERNACIA KONGRESO DE GEOGRAFIISTOJ EN WARSZAWA.*

En aŭgusto gastis nia ĉefurbo la Internacian Kongreson de geografaj sciencistoj el 44 ŝtatoj. Ĉeestis laŭ subskriboj 887 personoj, inter ili 400 eksterlandaj delegitoj. Plej nombra estis delegitaroj: franca (102), brita (58) kaj germana (50). Ĉeestis la unuan fojon du delegitoj turkaj. El eŭropaj ŝtatoj mankis nur Albanio kaj Litovujo. Partoprenis ankaŭ 98 kongresaninoj.

La kongreso okupis la salonojn de Politeknika Akademio. La grandan salonegon dum la solena malfermo ornamis standardoj de 44 partoprenantaj ŝtatoj. En la ĉeesto de la Prezidanto kaj registaro de Pola Respubliko eldiris malfermajn paroladojn: Prezidanto de Internacia Unio Geografia, Isaac Bowman pri la tasko kaj praktika signifo de esploroj pri la tero, la maro kaj la homo, la ministro Jędrzejewicz pri la polaj geografiaj esploroj depost la XV—a jarc. kaj konstatis, ke malgraŭ forigo de Polujo el la kartoj „ĝi vivis en niaj koroj".

La delegito de belga registaro J. G. Maury, ĉefo de ŝtata kartografia servo en Bruselo, parolis pri malfacilaĵoj de geografia laboro, la germana delegito prof. L. Mecking, Prezidanto de Germana Geografia Asocio fieris, ke la scienco neniam subiĝis al la perforto, la delegito de franca registaro, la eksa ministro prof. E. de Martonn, karakterizis Polujon kiel speciale atentinda geografia organismo, staranta pro siaj kontrastoj inter la Okcidento kaj Oriento.

Oficiala delegito de la angla registaro, la prezidanto de Brita Komitato Geografia, Ch. Close, prezentis kiel celon de geografiistaj esploroj la mondon, praheredaĵon de la homo.

La itala delegito, direktoro de Milita Instituto Geografia en Romo, la generalo Bianchi d' Esainosa, parolis pri geografio kiel scienco en servo de aliaj sciencoj kaj citis laŭ Sienkiewicz, ke ĉiu klera homo havas du patrujojn: la sian propran kaj Italujon kiel duan.

La holanda delegito, sekretario de Geografia Societo en Amsterdam, prof. E. J. Voute, aludis polajn — holandajn interrilatojn depost iamtempoj, la amerika delegito, generalo J. Steese, pri amerika — pola amikeco.

La pola delegito, Prezidanto de Organiza Komitato, prof. E. Romer, donis skizon pri renaskiĝinta Polujo.

La laboroj de la Kongreso estis koncentrataj en sekcioj: kartografia, sekcio de geografio fizika, antropologia, sekcio de geografia pejzaĝo. El inter 214 elparolitaj referatoj troviĝas 88 ellaboraĵoj de polaj sciencistoj.

Sabato la 25-an de aŭgusto estis destinita por Polujo: parolis profesoroj: Nowak (Kraków) pri la tektoniko de Polujo, Arctowski (Lwów) pri klimatologio kaj meteorologio, Czekanowski (Lwów) pri antropologiaj tipoj, Romer (Lwów) pri ekonomia geografio, Semkowicz (Kraków) pri geografiaj faktoroj en la teritoria strukturo de iama Polujo, Limanowski (Wilno) pri Poznań, Kraków, Lwów, Wilno kiel kvar pilastroj portantaj la tutan tegmenton de la

ŝtato kaj pri Gdynia kiel fenestrorigardo en la mondon.

Ĉe la interkonatiga teo kunvenis homamasoj en la restoracio de Eŭropa Hotelo. Aŭdiĝis lingva turo babela superlaŭtigata de franca kaj angla lingvoj. Sidis Japano apud Ruso, Argentinano apud Franco, Ĉilano apud Turko intermikse. Ĉiuj interŝanĝis impresojn el antaŭkongresa vojaĝo kaj ekskursoj tra Polujo. Kelkaj vizitis Zaleszczyki, Śniatyn Kosów, Żabie, Worochta, Howerla, Tatrojn, Krakovon, vidis huculajn kutimojn dum la edziĝa soleno kaj amuzo, ĝuis boatveturadon sur rivero Dunajec traboranta la montaron Pieniny.

La ferma plenkunsido okazis la 31 de aŭgusto en la salonego de Varŝava Scienca Societo en la palaco fondita de St. Staszic. Gvidis la Prezidanto de la Geografia Unuiĝo, S-o Bowman. Oni akceptis la proponojn de sekciaj decidoj, ĉefe:

1) pri kreo de aparta komisiono por geografio agroteknika,

2) pri revivigo de biogeografia sekcio

3) pri organizo de internacia komisiono por esploro de geografia kaj kartografia historioj sub la nomo de „Societo Lelevela" por honoro de fama pola sciencisto, 4) pri kreo de internacia komisiono pro instruado de geografio kiel edukvalora objekto en ĉiugradaj lernejoj, 5) pri esploro de ŝanĝiĝanta nivelo de Mediteraneo, 6) pri la komisiono por bestar- kaj plantar - regnoj.

La Kongreso disiĝis post favore akceptita invito de Holanda Delegitaro pri la okazigo de sekvonta Kongreso en Amsterdam en la j. 1938.

**Józef Orzech.**

---

**NOWOŚĆ! NOVAJO!**

**„ESPERANTO, JEGO CEL I ZADANIE".**

(Esperanto, ĝia celo kaj tasko).

Broszura informacyjno - propagandowa pod redakcją **Emila Mayera**, zaopatrzona przedmową **prof. dr. Odona Bujwida.** Bogata treść informuje o postępie ruchu esperanckiego w kraju i zagranicą. Cena 1 egz. tylko 1.— zł. — Przy większych zamówieniach rabat. **Adres wydawnictwa: „Juna Esperantisto", Kraków, Lelewela 9, m. 2. P. K. O. Nr. 413.944.**

---

Ĉu vi jam legis la rakonton de

**Henryk Sienkiewicz: Orso**

trad. A. Oberrotman

Prezo: zł. 1.10 kun afranko.

Mendu tuj ĉe „Pola Esperantisto"

Kraków, Lubicz 34. Konto PKO. 406.660.

---

EINO LEINO.

## Aŭtuna agordo.

Ĝuste faris vi, solamikino,  
Ke vi fine foriris de mi.  
Via koro la juna kaj varma  
Ĉe la mia fariĝus glaci'.

Sur la vojo jen pala floreto  
Kronon levas en mezo de l' neĝ'.  
Plu nenion atendu, flor' mia, —  
Temp' por velki natura la leĝ'.

En animo ekestis nil pensoj:  
Unu restis en mia memor':  
Sur la vojo velkintan floreton  
Per neĝ' kovris kaj iris mi for.

El la finna originalo tradukis  
**Halina Weinstein**

El la kolekto „Kaprimulgo", 1897  
Al tiu ĉi poemo komponis la melodion Toivo Kuula.

---

**KURS KORESPONDENCYJNY JĘZYKA ESPERANTO**

prowadzi Sekcja Esperancka Polskiego Touring Klubu. Kurs polega na tem, że uczestnik jego otrzymuje podręcznik języka Esperanto, podzielony na 12 lekcyj przerabia co tydzień (lub częściej) jedną lekcję, tłumaczy ćwiczenia z Esperanta na polski i odwrotnie, poczem przesyła je do poprawienia. Aby zostać uczestnikiem kursu, należy wpłacić zł. 15.— (ewentualnie w dwóch ratach: zł. 10.— przy zapisie, zaś resztę po czwartej lekcji). Opłata ta obejmuje całość kursu wraz z samouczkiem, poprawą przerobionych ćwiczeń i przesyłkami pocztowemi.

Zapisywać się może każdy i w każdym czasie.

Ćwiczenia (przesyłane w zeszycie) należy kierować na adres Sekcji Esperanckiej P. T. K. (Warszawa, Kredytowa 5), zaś opłatę na konto P. T. Klubu w P. K. O. 12.563 z zaznaczeniem na jaki cel. O uskutecznieniu wpłaty za kurs należy równocześnie zawiadomić Sekcję Esperancką.

